9-a jaro. — N-ro 3-4 (97-98) Marto-Aprilo 1923.

# Belga Esperantisto

MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro :
FRANS SCHOOFS, Kleine Beerstraat, 45
ANTVERPENO



JARA ABONPREZO : FR. 10.—

ANTVERPENO
1923

# Belga Ligo Esperantista

## Ĉiujara Kotizaĵo
## (Jaarlijksche bijdrage — Cotisation annuelle) :

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires) fr. 5.—
Ordinaraj membroj kun abono de «Belga Esperantisto» fr. 10.—
Protektantaj membroj (Besch. leden — Membres protecteurs) fr. 25.—
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners — membr. bienf.) fr. 50.—

---

HONORA KOMITATO:

Prezidanto: Princo LEOPOLDO DE BELGUJO, Duko de Brabant.
Prezidinto: Generalo Grafo LEMAN.
Membroj: S-roj BERNIER, Skabeno, St. Gilles.
BRAUN, antaŭa urbestro Gent.
CH DESSAIN, Urbestro de Mechelen.
F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
DEVREUX, Urbestro, Charleroi.
DEWANDRE, Skabeno de la Publika Instruado, Charleroi.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antwerpen.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
A. MAERTENS, Prezidanto de «Banque de Flandre», Gent.
PASTUR, Konstanta deputato de la Provinco, Marcinelle.
B-no RUZETTE - VAN CALOEN DE BASSEGHEM, ministro de Terkulturo.
LEON SCHEERDERS, industriisto, St. Nicolaas (Waes).
J. SCHRAMME, advokato, Brugge.
J. SPINHAYER, antaŭa, Urbestro, Verviers.
D-ro R. VAN MELCKEBEKE, hemiisto, Antwerpen.
VERDONCK, Urbestro, Gentbrugge.

---

## Oficiala Organo de la Ligo
# „ BELGA ESPERANTISTO „

Redakta Komitato:
S-roj COGEN, PAROTTE, PETIAU, SCHOOFS, VAN SCHOOR, WITTERYCK.

Jara Abonprezo: Belglando Fr. 10. — (specialaj kondiĉoj por Grupoj)
Eksterlando : Fr. 12.—.

| Anoncoj: | 12 numeroj. | 6 numeroj. | 3 numeroj. | 1 numero. |
|---|---|---|---|---|
| 1 paĝo : | Fr. 200.— | 105.— | 60.— | 30.— |
| 1/2 paĝo : | Fr. 105.— | 55.— | 35.— | 20.— |
| 1/3 paĝo : | Fr. 70.— | 40.— | 25.— | 15.— |
| 1/4 paĝo : | Fr. 55.— | 35.— | 20.— | 12.50 |
| 1/8 paĝo : | Fr. 30.— | 20.— | 15.— | 10.— |

Verdaj kovrilpaĝaj : samaj prezoj + 150 0/0.

## AGADA KOMITATO

Prezidanto: S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.

Vicprez.: S-roj L. Cogen, Ninove; L. Champy, 17, r. Richard, Anvers.

Ĝenerala Sekretario: S-ro H. Petiau, St. Lievenslaan, 60, Gent.

Kasisto: S-ro F. Mathieux, 15, Avenue Bel-Air, Uccle.

Direktoro de la Oficiala Organo: } Fr. Schoofs, 45, kleine Beerstraat,
Gazetara Servo: } Antwerpen.

MEMBROJ ELEKTITAJ DE LA ĜENERALA KUNVENO.

S-roj Babilon (Jumet), L. Champy (Antwerpen), D-ro Dupont (Beyne-Heusay, S-ino Elworthy - Posenaer (St. Mariaburg), Jos. Parotte (Verviers), Frans Schoofs (Antwerpen), D-ro W. van der Biest (London) kaj Oscar Van Schoor (Antwerpen).

DELEGITOJ DE LA GRUPOJ.

Antwerpen: Antverpena Grupo Esperantista: S-ro A. Van de Velde, 10, Olijftakstraat.
» La Verda Stelo, S-roj E. De Coster, M. Jaumotte.
» La Suda Lumo, S-ro J. Jacobs, 444. Boomsche steenweg.
» Esperantista Junularo: R. Broeckhove, Maatstr., 52.

Boom : Grupo Esp., J. Clerbaut, Groenhofstr..

Brugge: Bruĝa Grupo Esperantista, S-ro A. J. Witteryck, Steenbrugge.
F-ino Y. Thooris, 4, rue de l'Outre.

Charleroi: Grupo Esperantista, A. Henraut, 30, r. Ferrer, Lodelinsart.

Gent: Genta Grupo Esperantista, H. Petiau, 60, St. Lievenslaan, Gent.
C. Van de Velde, Zwarte Heirestraat, Gentbrugge —
» La Progreso, S-ro L. Cogen, Ninove, kaj F-ino E. Colyn, Ryhovelaan, 21, Gent.

Gendbrugge: «Espero»: S-ro De Bruyker, Gestichtstraat, 96.

Ledeberg: La Tagiĝo, S-ro L. Varendonck, 113, Kerkstr., Gentbrugge.

Liége: Lieĝa Ago, S-roj Oger, 37, rue de Campinne, Liége, kaj F. Derigat, rue St. Eloi, 11, Liége.

Lier: Liera Stelo, S-ro J. Leflot, 47, Vaartlaan, Lier.

Lokeren: La Durma Stelo, S-ro A. Roels, Bergendries 28.

Mechelen: Grupo Esperantista Axel Baesens, Statiestraat, 16.

St-Gilles-Bruxelles: Antaŭen, F. Mathieux, 15, Av. Bel-Air, Uccle.

St. Nikolaas-Waes: Unueco estas Forteco, S-ro A. De Bosschere, 3, Place de la Régence.

Sclessin: Grupo Esp.: J. Bissot, rue de Trazegnies, 72.

Spa: Soc. Espéranto de Spa, S-ro J. Desonay, Place des Glorieux, 3.

Verviers: Esperantista Grupo, S-ro Joseph Pirnay, 146, Ch. de Heusy.
J. Herion, rue des Raines, 8.

9a JARO MARTO-APRILO 1923 No 3-4 (97-98)

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto: FRANS SCHOOFS 45, Kleine Beerstraat, Antwerpen | Abonoj kaj Monsendoj FERN. MATHIEUX 15, Avenue Bel-Air, Uccle

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laûbezone la manuskriptojn.*

## Belga Ligo Esperantista

**Komitata Kunveno en Bruselo la 22an de aprilo 1923**

La kunsido malfermiĝis je la 10a sub la prezidanteco de S-ro L. Cogen, vicprezidanto de la Ligo.

La Prezidanto senkulpigas S-ron Witteryck, Prezidanto de la Ligo, malhelpata.

ĈEESTAS: S-roj Babilon, Champy, Frans Schoofs, komitatanoj. S-ino Elworthy-Posenaer letere senkulpigis sin.

La jenaj grupoj estis riprezentataj: Antverpena Esperantista Grupo, « Verda Stelo » (Antverpeno); « Bruĝa Grupo Esperantista », «Genta Grupo Esperantista», «La Progreso», (Gento); «La Taĝiĝo», (Ledeberg); «Lieĝa Ago», (Lieĝo); «Liera Stelo», (Liero); «Grupo Esperantista» (Mehleno) «Antaŭen» (St. Gilles-Bruselo); «Esperantista Grupo » (Verviers).

SENKULPIGIS SIN: «Grupo Esperantista» (Charleroi); «La Durma Stelo» (Lokeren; «Unueco estas Forteco» (Sankta Nikolao); « Grupo Esperantista » (Sclessin) « Soc. Esperanto de Spa ».

NE SENKULPIGIS SIN: «Suda Lumo», (Antverpeno); «Grupo Esperantista » (Boom); « Espero » (Gendbrugge);

TAGORDO:

1e) ARANĜO DE LA KONGRESA PROGRAMO. — La Liga Sekretario informas la gedelegitojn, ke la Urbestraro de Namur informis lin, ke la gekongresanoj estos oficiale akceptataj en la urbdomo. Li prezentas kompletan programon, kiu estas akceptata. Anstataŭ la kutima Esperanta festo, propaganda festo okazos la dimanĉon vespere, se eble, en la Kursalo. Siavice, Sro. Mathieux, proponas diversajn ekskursojn kiuj certe kontentigos ĉiujn! Inter aliaj ekskurso al grotoj de Han, al Dinant vagonare kaj reveno al Namur per vaporŝipo; de Dinant al Profondeville piede kaj reveno al Namur per tramveturilo.

S-ro Varendonck (Ledeberg) informas, ke la administrado de la Grotoj de Han konsentos rabaton de 50 0/0 al la gekongresanoj, se ili estos almenaŭ dudekope. La enirprezo estos 10 frj.

2e. «BELGA ESPERANTISTO» S-ro Schoofs insistas por ke la

delegitoj zorgu ke la membroj de iliaj grupoj abonu la ĵurnalon, ĉar li rimarkas, ke tre malmulte da novaj membroj abonas. La unua numero povis reaperi nur dank'al la malavareco de unu sindona samideano, ĉar la nombro de abonantoj ne estas sufiĉa! Estas do necese, ke la grupoj pli efike subtenu la revuon. La Sekretario insistas por ke ili arangŭ sian kotizon tiamaniere, ke ĝi enhavu la abonprezon. Cetere estas la plej bona rimedo por konservi la membrojn ĉar la sperto pruvis, ke la abonantoj sin pli interesas al nia movado kaj restas fidelaj membroj. S-ro Jaumotte enkaŭ insistas tiusence. S-ro Varendonck proponas, ke B. E. aliformiĝu en propaganda ĵurnalo kiel «Gento-Esperanto» antaŭ la milito. S-ro Schoofs rimarkigas, ke propaganda ĵurnalo ne atingos la celon, ĉar oni ne povos disdoni sufiĉe grandon kvanton. Nur la ĉiutagaj ĵurnaloj taŭgas tiucele. Laŭ li nia revuo devas resti belga dokumenta gazeto.

S-ro Oger ne volas kritiki la enhavon de la ĵurnalo, nek ĝian formon sed laŭ li estus preferinde, ke ĝi estu pli maldika kaj ke ĝi aperu pli ofte, se eble ĉiusemajne! Li proponas, ke la Ligo aĉetu specialan presmaŝinon, «Edison», por eldoni la ĵurnalon. La ligestraro ekzamenos tiun proponon kaj raportos pri ĝi dum venonta kunveno.

S-ro Schoofs petas, ke oni penu plibonigi nian havaĵon sed ke oni ne proponu ŝanĝojn, kiuj ŝajnas tre danĝeraj por la Ligaj financoj.

Li insistas, por ke la grupestroj estu tre singardemaj rilate al la artikoloj sendotaj al la ĵurnalo. Ili zorgu, ke oni sendu nur bonajn tekstojn, kaj por atingi tiun rezultaton, ili organizu inter siaj gemembroj ĉiumonatajn konkursojn por la plej bonaj redaktaĵoj ĉiuspecaj.

Fine la kunveno decidas, ke la revuo restos tia kia ĝi estas kaj la Prezidanto faras varman alvokon por ke la grupoj pli efike subtenu sian ĵurnalon pri kies regula apero ili havas la moralan kaj financan respondecon!

3. LIGAJ FINANCOJ. — S-ro Mathieux,Kasisto, konigas la financan situacion de la Ligo. La monrimedoj estas sufiĉaj por pagi la ordinarajn elspezojn sed ili ne sufiĉas por fari taŭgan propagandon.

Li diras, ke la ĵurnalo estus tre bona monhavigilo se ĝi estus pli efike subtenata!

4. AGADMANIERO DE LA GRUPOJ. — La Sekretario insistas por ke la grupestroj estu pli atentaj pri la Ligaj aferoj kaj ke ili respondu akurate al la demadoj faritaj de la Ligestraro.

5. PROPAGANDAJ RIMEDOJ. — S-ro Schoofs rekomendas, ke oni pli uzu «Esperanto-Film» kiu estas bonega propagandilo. Li ankaŭ atentigas pri la regula alsendo de informoj al la ĉiutagaj ĵurnaloj.

6. PARTOPRENO EN LA INTERNACIA SEMAJNODUO EN BRUSELO. — Sro. Cogen faras varman alvokon, por ke multaj samideanoj ĉeestu la « Internacian Semajnoduon » kiu okazos en la «Monda Palaco» en Bruselo meze de aŭgusto proksima. Tiuokaze diversaj esperantistaj paroladoj okazos faritaj de spertaj ne-belgaj samideanoj. Ĉiu kiu havus informojn aŭ proponojn por fari, sinturnu al S-ro L. Cogen, 52, Dreve, Ninove.

La kunsido finiĝis je la 13 1/2 a. h.

## XIIa BELGA KONGRESO ESPERANTISTA.

### Raporto de la Generala Sekretario pri la Liga agado dum 1922-1923.

---

Estimataj Gesamideanoj. Kiel serioza entrepreno faras ĉiujare sian bilancon, ni ankaŭ ekzamenu nian moralan situacion.

Kvankam nova grupo fondiĝis en LOKEREN (Orienta Flandrujo), kvankam la grupoj daŭrigis sian kutiman agadon, ni devas konfesi, por esti sincera, ke la pasinta jaro ne alportis al ni, kion ni rajtis esperi! Post la kongreso en Sankta Nikolao, kiu tiel bone sukcesis dank'al la klopodoj de niaj tieaj amikoj, kaj dum kiu nia samideanaro montris sin tiel laborema kaj entuziasma, ni rajtis esperi ke nia belga movado tuj konus novan prosperan periodon! Bedaŭrinde, tio ne efektiviĝis;nia movado ŝajnas suferi pro la alfluo de materialismo, de profitemo, pro indiferenteco por ĉiu idealismo, kiu nun superŝutas la homaron. Niaj pioniroj mem ŝajnas lasi sin trafi kaj senkuraĝiĝi! De ĉiuj flankoj ni audas plendi pro la indiferenteco de la publiko por nia ideala movado, pro la malfacileco varbi kaj konservi novajn adeptojn, k. c. Certe ni baraktas en malfavora atmosfero, certe ni suferas pro la nuna menso de la homaro, sed ĉu estas motivo por perdi kuraĝon kaj por malesperi! Se la homoj montras sin indiferentaj por ĉiu idealismo kaj nur atentas pri materialismo kaj profitemo, ni do montru al ili la grandan profiton, kiun ili povas akiri per Esperanto!

Ni havas ĵus bonan okazon: Vi ĉiuj konas la grandan sukceson, kiun akiris la «Komerca Konferenco» en Venezia. Nova armilo kreiĝis por disvastigi la helplingvon en novan rondon, eble la plej gravan. Nun komenciĝas por ni la tasko ĝin uzi senprokraste saĝe kaj efike. Ni tuj uzu la raporton pri tiu konferenco por konigi al la industriistoj kaj komercistoj la rezultatojn akiritajn de la firmoj, kiuj uzis Esperanton, kaj precipe de la Komercaj Foiroj kaj Ĉambroj, kiuj regule uzas la helplingvon por sia eksterlanda propagando kaj korespondado. Ni montru al ili la praktikecon de nia lingvo, ĝian facilecon kaj nian tutmondan organizaĵon, kiun ili povas uzi por la pli granda prosperado de siaj aferoj. Ni estas konvinkitaj, ke se ni ĉiuj praktike kaj serioze laboros en tiu senco, ni certe atingos plej bonan rezultaton. Jes, ni estu praktikaj kaj ni sukcesos!

Je tiu vidponkto, mi devas denove atentigi vin pri la malbona situacio de nia interna afero kaj precipe de nia Liga organo. Mi ne povas kaŝi al vi, ke se la nunaj cirkonstancoj devus daŭri, la Ligestraro ne plu povus garantii la aperon de la ĵurnalo!

Mi devas rememorigi al vi, ke post la milito la grupoj unuanime decidis, ke la Ligo eldonu mem sian propran organon. Alprenante tian decidon ili prenis sur sin la moralan kaj financan respondecon de ĝia regula apero. Ili promesis abonigi ĉiujn siajn gegrupanojn kaj fidante tiun promeson la Ligestraro penis plenumi la decidon de la Liga Komitato. Bedaŭrinde, ĝi baldaŭ devis konstati ke, ĝenerale, la grupoj tute ne plenumis sian promeson nek sian devon! Malgraŭ niaj senĉesaj kaj varmaj alvokoj por ke ili pli efike subtenu sian organon ili montriĝas

pli kaj pli indiferantaj kaj ŝajnas sin tute malinteresi pri la vivpovo de sia ĵurnalo. Tamen, ĉiuj grupgvidantoj akordiĝas por diri ke, se la ĵurnalo aperus pli ofte kaj regule, ili povus pli facile konservi siajn gegrupanojn kaj ilin igi pli agemaj. Kial do, se ili scias tion, ili ne aranĝas sian grupan kotizon tiamaniere ke ĝi entenu la abonprezon al nia revuo?

La rezultato de tiu nekomprenebla agmaniero estas, ke nun nia ĵurnalo ne plu povas vivi per siaj rimedoj kaj ĝi povis reaperi pasintan monaton nur dank'al la malavaremo de unu persono!

Ĉu vere la belgaj esperantistoj lasos morti sian organon? Ĉu vere ili ne havos kelkajn frankojn jare por ĝin aboni? Ĉu vere ili toleros tiun hontindan sintenadon?

Gesamcelanoj! Ni venis hodiaŭ en Namur por propagandi nian karan idealon. Nu, idealo ne povas esti atingita sen oferdono! Ni do ĉiuj solene promesu, fari la neceson por subteni praktike nian ĵurnalon por ke ĝi povu vivi kaj progresi. Ni promesu fari personan propagandon por ke ĉiuj belgaj esperantistoj ĝin abonu, kaj mi estas certa, ke nia revuo regule aperos kaj prospere vivos!

Nun Gesinjoroj, mi devas paroli pri la organizado de la nuna kongreso.

Dum sia kunveno de la 19a de novembro 1923, la Liga Komitato decidis principe, ke la nunjara kongreso okazos en Namur por peni restarigi la iaman grupon kaj ĝi komisiis la Ligestraron por ĝin organizi. La tasko organizi kongreson en urbo kie ne ekzistas grupo ŝajnis unuavide ne efektivigebla. Tamen, ni klopodis trovi en Namur kelkajn personojn kiuj povus helpi nin. Ni skribis al Fraŭlinoj Dorsinfang kaj Brosse, al S-roj Verbeken kaj Leŭtenante Remy, kiuj tre afable promesis helpi nin, kaj efektive, estas dank'al ili, ke la nuna kongreso povas okazi!

Mi plenumas agrablan devon, ilin tutkore danki, je la nomo de ĉiuj liganoj, pro ilia netaksebla kunhelpo.

La Ligestraro faris ĉion eblan por kiel eble plej bone organizi la kongreson kaj ĝi esperas, ke vi estos kontentaj pri via restado en Namur.

Povu nia hodiaŭa kunveno esti fruktedona por nia estonta laboro!

Vi ĉiuj, kiuj kunvenis dum du tagoj en Esperantujo por enspiri tiun aeron kiu plivivigas, kiu plifortigas, kiu igas la koron pli bona, kiu instigas al bono, al toleremo, al pacemo, povu tiu aero doni al vi novajn fortojn por daŭrigi ĉiam pli ageme nian pacan bataladon por la pliboniĝo kaj la paciĝo de la homaro!

Vivu nia XIIa! Vivu Esperanto! Henri PETIAU.

---

IVa INTERNACIA SEMAJNODUO

**Bruselo, 27 aŭg. - 8 sept. 1923**

Belgaj Esperantistoj! Notu tiujn datojn kaj informu viajn alilandajn geamikojn!

---

# La Songô de l'Ekzilitino

(Verkita konforme al vera songô ,tri monatojn ankaŭ la fino de l' Mondmilito).

Mi vidis ilin ĉiujn, pene marŝantajn laŭlonge de la senfina vojo. Estis miloj kaj miloj da ili, kaj multaj pliaj miloj ankoraŭ venis poste. Ili marŝadis jam mejlojn post mejloj, kaj multaj pliajn' mejlojn ili ankoraŭ devis marŝadi. Ili aperis lacaj, sub la pezo de siaj malgrandaj posedaĵoj, kaj, kvankam ili kunportis kelkajn manĝaĵojn, ili ne donis al si tempon por manĝi. Ili sentis nek malsaton nek lacecon, kaj ĉies vizaĝoj estis ridetantaj. Ili estis la ekzilitoj sur la vojo hejmen.

Estis tipa Belga vojo: la meza parto pavimita, kaj la vojflankoj plantitaj per arboj; laŭlonge de la vojrando, mallarĝa fosaĵo apartiganta la vojon de la kampoj. Ili jam estis marŝintaj laŭ la sama vojo kvar jarojn antaŭe, je la kontraŭa direkto, plorĝemantaj, kun larmoj en la okuloj kaj maldolĉaj sentoj en la koro, dum Germanaj bomboj sibladis super ilia kapo kaj kelkaj el la marŝadantoj okaze haltis por ĵeti rigardon malantaŭen al siaj forbrulantaj domoj aŭ al la loko, kie iliaj edzoj kaj patroj estis mortpafitaj.

Kaj nun ili ree marŝadis tie ĉi, en lando liberigita de la invadinto. Ilia malamo ne forlasis ilin, ili nutros ĝin' dum sia tuta vivo, kiel sanktan devon al sia martirigita Patrujo. Sed en tiu ĉi horo de la Granda Reiro ĉiu malamikemo estas forgesita, kaj ili daŭrigis rideti, ridetadi, tute laŭlonge de sia laciga vojaĝo.

Estis kvazaŭ vasta heleco supreniĝis de ili formanta super ili longan horizontalan lumstrion kiu gaje kontrastis kontraŭ la dolormalheligita ĉielo; ĝi estis kvazaŭ la sintezo de la tuta ĝojo kaj la tuta espero koncentriĝinta en iliaj koroj aŭ flame ekbrilanta el iliaj okuloj. Ili alportis kun si la Lumon, kaj la Mallumo malaperis, kiam ili pasis.

Mi apartenis al tiu homamaso, mi estis unu el ili. Kaj ofte, kiam mi malakcelis aŭ ree akcelis miajn paŝojn, mi neatendite renkontis parencojn aŭ amikojn, kiuj estis estintaj ekzilitoj kiel mi mem.Kaj estis kisado, kaj ĝojego! Kaj ĉie cirkaŭ mi estis similaj okazaĵoj. Ĉie feliĉaj renkontoj, feliĉaj kuniĝoj. Kaj el ĉiuj partoj de la lando, personoj kiuj estis suferintaj dum tiuj longaj jaroj sub la jugo de l' tirano kaj subite sentiĝis liberaj, estis venintaj al tiu longa, longa vojo borderita per arboj, por iri renkonte al siaj rehejmiĝantaj karuloj. Jen mi vidas mian plej karan amikinon! «Lucio! Vi tie ĉi! Kaj via filineto? Kaj via enklino? Kiom vi ĉiuj estas suferintaj! Ĉu via edzo estas ree hejme?» — «Ho, jes, li estas hejme! Jes, ni suferis, sed ĉio estas forgesita nun. Ni ĉiuj estas ree kunigitaj!»

Kaj poste mi vidis mian fraton. Mi kisis kaj ree kisadis lin. Mi neniam antaŭe estis tiel elmontrema al li. «Kie estas Patrino?» — «Vi baldaŭ trovos ŝin, ŝi estas nur iomete antaŭe». Kaj efektive mi trovis ŝin, ŝi ankaŭ estis reveninta. «Patrino! Kara patrinjo! Mamake!»

Kaj subite, pro la intensego de l' emocio, mi vekiĝis. Ho ve! estis nur songô, la songô de l' ekzilitino... Kiam, ho Dio! Kiam ĝi fariĝos realaĵo? Maria ELWORTHY-POSENAER.

Premiita en la VIII.aj Internaciaj Floraj Ludoj.

(El « Kataluna Esperantisto », Dec. 1922).

# Kiel vivkostoj diferencas tra la mondo

Ĝenerala ekzameno de vivkostaj indeksoj montras, ke la tendenco al firmiĝo, kiun oni rimarkigis dum pluraj monatoj, daŭras ĉiuloke, kun escepto de la landoj, kie la malfirmeco de la valutoj nature okazigas ŝanceliĝon ĉe prezoj. Laŭ artikolo en la « Internacia Labora Revuo », la movado de pomalgrandaj prezoj nur iom malcerte sekvas tiun de pograndaj prezoj. Kelkatempa malaltigo de prograndaj prezoj en Germanujo je komenco de Decembro, ekzemple, ne okazigis respondan movadon de pomalgrandprezaj indeksoj.

Pomalgrandaj prezoj tendencas plialtiĝi en Germanujo, Francujo, Belgujo, kaj Polujo. En Aŭstrujo la prezoj konstante plialtiĝis ĝis Septembro 1922 ,sed depost Oktobro okazis senĉesa malaltiĝo, kaŭze de la firmiĝo de la valuto. En aliaj landoj, malaltiĝo de prezoj ankaŭ montriĝas.

Nenia grava ŝanĝo en prograndaj prezoj rimarkiĝas. En landoj kie la proporcio de la valuto al ora normo ne estas malaltiĝinta, ŝajnas ke la prezoj firmiĝis apud nivelo inter 54 kaj 64 procentoj super la antaŭ militaj prezoj. Tio okazis, ekzemple, en Usono, Britujo, Kanado kaj Nederlando. En iuj aliaj landoj, kies valutoj restas bonaj, la preznivelo estas pli alta, ekzemple, en Svislando kaj Japanujo, kie ĝi estas respektive, 70 kaj 90 procentoj super la antaŭmilita nivelo.

(Informservo de la internacia labora oficejo).

# Belga Gazetaro

ANTVERPENO. — «La Métropole», «Le Neptune», «De Schelde», (8-9—4—23): raporteto pri festo de « La Verda Stelo ». «Le Matin» (12—4—23): artikolo «La Langue Universelle» de René Lanser. Vidu pri tiu lasta artikolo nian «Atako kaj Respondo» en nuna numero.

BRUSELO. — L'Employé» (15—4—233: traduko de la favora decido de la Sindikata Komisio de Norvegujo; kaj anonco de nova kurso organizita de la Esp. Laborista Grupo. «Le Front Unique» (8—4—23) ; Granda propaganda artikolo. «Le Jass» (7—1—23) : traduko de la intervjuo de la Persa Ministro. «Le Peuple» (5—1—23) : progresoj de Esperanto en Azio.

CHARLEROI. — «Journal de Charleroi» (18—3—23) : Deziresprimo de la 21 francaj akademianoj.

CUESMES. — «Avenir du Borinage» (24—3—23): sama artikolo.

GENTO. — «La Flandre Libérale» (11 & 12—4—23) : du leteroj de L. Leontin el Venezia, kun ĉiuj detaloj pri la internacia konferenco pri komuna komerca lingvo. La dua letero finiĝas per jena frazo :

«Ni ŝatas kredi ke la konferenco de Venezia produktos sian influon en la eksportada fako, kaj ĝi multe helpos la iom post ioman enkondukon de Esperanto en la komercon. (20—4—23) : farante novan atakon kontraŭ nia lingvo, S-ro Pierre Messiaen, diras, ke S-ro Lucien Descaves, aŭdinte tradukon en Esperanto de «Booz» de V. Hugo, skribis, ke «tous les espérantistes devraient être pendus haut et court pour crime de lèse-poésie et de lèse-intelligence» (Ni ne volas riski duan danĝeran kondamnon, kiun ni certe ricevus tradukante en Esperanto tiun tre poezian kaj inteligentan frazon!). Kaj S-ro Messiaen aldonas tuj: « Il se peut que M. Lucien Descaves exagère; la plupart des espérantistes sont, paraît-il, de très braves gens ». Ni ne povas preterlasi emocie danki S-ron Messiaen pro tiuj kortuŝaj bonaj paroloj.

«Gazette van Gent» (2—30—3. 6—4—23): 29a, 3a, 4a lecionoj de Esperanto.

LA LOUVIERE. — «Les Nouvelles» (18—4—23) : malgranda noto pri Venezia.

LIEGE. — «La Cité Ardente» No 2 : Artikolo de nia malnova samideano Jean Jongen, kaj anonco pri kurso ĉe la Socialista grupo Esp. de Liége» (11—4—23) : pri la uzo de Esp. ĉe Ligo de Nacioj kaj ĉe la Labora Oficejo.

VERVIERS. — «Le Travail» (16—3—23) : Esperanto kaj Scienco; (24—3—23): La progresoj de Esperanto en Francujo.

# XVa Universala Kongreso de Esperanto en Nürnberg

2-8 Aŭg. 1923

### 5-a CIRKULERO.

**1. Protektoreco.** Lia Moŝto, prezidanto de la Germana Respubliko Friedr. Ebert, bonvolis akcepti la honoran protektorecon por la XV-a.

**2. Aliĝoj.** Aliĝis ĝis fino de aprilo 2910 kongresanoj el 36 landoj. Bedaŭre ni devis sciiĝi, ke diversaj eksterlandaj samideanoj hezitas la aliĝadon, timante personajn malfacilaĵojn dum vojaĝo kaj restado Konsternite pri tio, ni rapidas konstati, ke ne estas kaŭzo por tiaj timoj.

**3. Kongreskotizo.** Pro neantaŭvidita evolucio de la valutaj cirkonstancoj, la projektita plialtigo de la kotizo depost 1. junio ne okazos, escepte por aŭstroj, germanoj, hungaroj, poloj kaj rusoj. Por la lastnomitaj landanoj, pro certigo de la budĝeto, plialtiĝos la kotizo depost 1. junio al 10.000 gmk.

**4. Kongresbanko.** La kongresbanko estas la firmo Walk & Grün, Nürnberg. Ĝi starigos de 2.—8. aŭgusto apartan kontoron en la kongresejo.

5. **Financoj.** Ni preferas ricevi la kotizojn el eksterlando per monbiletoj. Tiuj kongresanoj, kiuj tamen ŝatas pagi per bankĉekoj aŭ transpagiloj, bonvolu uzi, por ŝpari al si kaj al ni spezojn, la jenajn bankojn kunigitajn kun la kongresbanko: Allgemeiner Böhmischer Bankverein, Prag; Kroatische Filiale des Wiener Bankverein, Zagreb; Britisch-Ungarische Bank, Budapest; Osterreich. Creditanstalt für Handel u. Gewerbe, Wien; Credito Italiano, Milano; Schweizerische Bankgesellschaft, Zürich; Rotterdamsche Bankvereeniging, Rotterdam; Kleinwort Sons & Co.,London E. C. 3., 20 Fenchurch Street.

6. **Fakkunsidoj.** Estas plue anoncitaj la jenaj fakkunsidoj:

a) Univ. Esp. Asocio Junulara: adr. Aleks. Hirsemann, Breslau, Herzogstr. 36;
b) Vegetara Ligo Esperantista. adr. Oskar Bünemann, Hamburg-Fuhlsbüttel, Alsterkrugchaussee 586.
c) Katolikoj: adr. J. Stahl, Nürnberg, Jakobsplatz 17-II.
d) Int. Ligo de Esp. Poŝtoficisoj (Ilepo): adr. sup. registara konsilisto Otto Reber Bamberg, Kapuzinenstr.
e) Franka Esp. Ligo: adr. la sama.
f) Framasonoj: adr. C. Barthel, Frankfurt a. M., Wöhlerstr. 14.
g) Instruistoj: adr. Hans Kaupper, Nürnberg, Parkstr. 13-II.
h) Kursgvidantoj: adr. Emil Kreibich, Kladno (Bohemio), zelezàrny.
i) Eksmilitintoj kaj militviktimoj: Karl Dörfler, Mühldorf a. I., Bavarujo, Siedelungswerk.
k) Interfoira Komisiono: adr. Prof D-ro Dietterle, Leipzig-Schl., Seumestr. 10.

7. **Kongreslibro.** La presado de la kongreslibro komenciĝis. Krom la oficiala parto ĝi enhavas ankaŭ reklamojn, kiuj peras unikan okazon por internacia negoca propagando. Ni petas ĉiujn samideanojn interesigi gravajn firmojn kaj societojn de ilia urbo, por ke ili rekte inter rilatu kun LKK. Unu paĝo kostas 120.000 duona paĝo 65.000, kvarona paĝo 35.000 gmk.

8. **Poŝtkartoj.** Belaj ilustr. poŝtkartoj pri Nürnbergaj vidindaĵoj kun Esp. teksto jam nun estas livereblaj kontraŭ antaŭpago. La prezoj (inkluzive sendkostoj) estas por 30 diversaj kartoj 4000, por 15 kartoj 2.500 gmk.

9. **Kongresaranĝoj.** En la kadro de la oficiala programo okazos: teatraj prezentoj de «Natan la Saĝulo» de Lessing kaj de la Mozarta opereto «Bastien kaj Bastienne», instrument- kaj kantkoncertoj, diservoj en katolika, protestanta kaj hebrea ĉefpreĝejoj, internacia recitad-matineo, kabareda vespero, internacia kostumbalo kun enmetitaj popoldancoj, komuna tuttaga ekskurso al Rothenburg (mondkonata mezepoka juvelujo). Laŭ deziro ni aranĝos postkongresajn ekskursojn al München (Alpoj) kaj Leipzig.

10. **Vivkostoj.** Ni ricevas ĉiutage demandojn pri la lokaj prezoj por loĝado kaj manĝado. Pro la malstabileco de la cirkonstancoj estas neeble starigi jam hodiaŭ definitivan dumkongresan prezaron. La nuntempaj tagkostoj estas (sen trinkaĵoj): unuaranga hotelo 50.000, duaranga hotelo aŭ komforta privatloĝejo 25.000, bona privatloĝejo kaj manĝado en restoracio 12.000, komuna manĝado kaj dumnoktado 5.000 gmk.

**11. Vojaĝkostoj.** Ĉar la somera horaro aperos en la venontaj semajnoj, ni povas publikigi ĉiujn rilatajn detalojn nur en nia junia cirkulero.

**12. Blinduloj.** Aliĝis por la III-a ĝis nun 88 partoprenontoj el 12 landoj. La kongresejo estos la Blindula Instituto. Ĝi faros la eblon por plej malkara gastigado; la senkosta restado dependos de la enirontaj donacoj sed ne povas esti garantiata jam nun.

**13. Policanoj.** Laŭ interkonsento kun la prov. direktoro de Tutmonda Polica Ligo la LKK prenis sur sin ankaŭ la lokajn preparojn por tiu ĉi fakkongreso, kies kunvenoj okazos en la historia ejo de la «majstrokantistoj» (Katarina preĝejo). La aliĝaj kondiĉoj estas la samaj kiel ĉe la Un. Kongreso. Urba polica patronaro estas starigita, senkostaj kuŝejoj disponigataj. Pluaj detaloj en «Policisto».

**Loka Kongresa Komitato.**

# Atako kaj Respondo

En la Antverpena gazeto «Le Matin» de 12a de Aprilo 1923 ni legas artikolon de S-ro René Lanser pri «Universala Lingvo». La artikolo mem estas pledo por akcepto de la franca lingvo. Ĝi enhavas tamen kelkajn malveraĵojn pri la lingvo Esperanto. Tiujn malveraĵojn kontraŭdiris nia samideanino S-ino Elworthy-Posenaer en respondo, kiun ŝi sendis al la nomita gazeto la 14an de Aprilo. Ĉar tiu respondo ĝis nun ne aperis, ni supozas, ke la redaktoro tute ne ŝatas vidigi al siaj legantoj la «alian flankon de la medalo», kaj en tiuj cirkonstancoj ŝajnas al ni necese publikigi ĝin en nia revuo.

Por ke niaj abonantoj komprenu pli bone la respondon, ni ankaŭ represas ĉi tie, unue, la aluditan parton el la artikolo de «Le Matin»: «LA LANGUE UNIVERSELLE». — Il ne s'agit pas de l'esperanto, comme on pourrait le croire au premier abord. Il ne faut pas contrister les gens qui ont la foi, et les espérantistes moins que tous autres. S'ils n'étaient si chatouilleux, on pourrait leur dire qu'une langue factice ne peut aspirer à être universelle. Une langue est un être vivant qui évolue sans cesse. La comdamner à l'immobilité, c'est la condamner à la mort. Si génial que puisse être un idiome artificiel, rien, du fait qu'il est sorti tout armé d'un unique cerveau humain, n'en garantit la durée. La langue est un être collectif, façonné par des siècles et le milieu. Une langue construite de toutes pièces n'a aucune chance d'exercer une action quelconque sur la marche des idées. Nous attendons et attendrons toujours en vain une œuvre vraiment philosophique ou littéraire écrite en esperanto. Vit-elle le jour, il lui manquera les caractères susceptibles d'en accroître l'influence et la durée, c'est-à-dire l'élégance de la forme et la finesse de la pensée. Peut-être, à la longue, l'esperanto pourra-t-il servir utilement aux relations commerciales, mais, avant ce jour, il en sera probablement de l'idiome hybride de Zamenhof comme il en fut de ses prédécesseurs malheureux:

le spokil, la pasilingua, la balta, le dilpok, la langue bleue, la myrana; le volapück, le neutral, l'ido, etc., etc. Nous ne déconseillons cependant pas d'apprendre l'esperanto. C'est un bon exercice, pourvu qu'on y adjoigne l'étude d'une autre langue plus profitable».

Poste S-ro Lanser esploras la ŝancojn de latina, germana, rusa, angla, franca lingvoj, opiniante, ke estos tiu ĉi, miksita kun multaj anglaj esprimoj, kiu fariĝos mondlingvo. Kaj li konkludas dirante:

« ,Mais-est-il bien utile d'avoir une langue universelle, un verbe unique, un idiome triomphant d'un bout du monde à l'autre bout? L'histoire répond par les tueries des guerres civiles et religieuses, les plus acharnés et les plus effroyables de toutes».

kaj jen la respondo de S-ino Elworthy-Posenaer:

## LA LANGUE UNIVERSELLE

Cette fois il s'agit bien de l'Esperanto, car, sans être «chatouilleux», les Espérantistes ont le devoir de se défendre contre quelques allégations, faites sans doute de bonne foi, mais qui sont pour le moins fantaisistes. Nous ne voulons pas mettre en discussion ici l'avenir de l'Esperanto. Toutes les opinions sont permises à ce sujet, et, qui plus est, nul ne saurait prédire l'avenir avec certitude. Nous ne voulons pas discuter non plus si une des grandes langues naturelles l'emportera finalement sur une langue artificielle, ou même, comme le dit Mr. René Lanser, s'il est utile qu'un idiome triomphe d'un bout du monde à l'autre bout. Sur tous ces points nous laissons la porte ouverte à toutes les opinions, à toutes les hypthèses. Nous voulons simplement contredire quelques assertions gratuites sur la valeur littéraire de l'Esperanto et sa viabilité, en y opposant des faits.

Définissons d'abord ce qu'il faut entendre ici par «langue universelle». Ce n'est pas un idiome «triomphant d'un bout du monde à l'autre bout»; l'Esperanto n'est pas une langue qui vise à remplacer les autres, à dominer les autres. L'Esperanto est, dans l'esprit des Espérantistes, la langue auxiliaire, la langue seconde, qui doit faciliter partout, «d'un bout du monde à l'autre», les relations internationales, chaque pays conservant son langage propre. Et, au lieu de vouloir dominer les autres langues, elle doit, au contraire, aider puissamment à conserver à chaque langue naturelle tout son prestige, puisqu'aucune d'elles ne serait plus menacée d'être absorbée un jour par une puissante rivale.

«Une langue est un être vivant qui évolue sans cesse. La condamner à l'immobilité c'est la condamner à la mort». Nous y répondons: Pour qu'une langue seconde universelle puisse conserver son universalité, il faut qu'elle soit figée dans une immobilité relative. Loin d'être sa condamnation à mort, cette immobilité est le gage de sa durée, car, du moment où elle serait «façonnée par les siècles (mettons ici les années) et le milieu», elle se diviserait en dialectes et en patois, et ne serait plus universelle.Chaque pays, chaque race, la façonnerait à sa façon. Il lui faut donc conserver jalousement cette immobilité relative. Mais cela n'implique point qu'elle ne puisse

pas évoluer. La « construction » de l'Esperanto est, en effet, une oeuvre géniale. La langue possède intrisèquement toutes les qualités requises pour s'adapter à toutes les nouvelles exigences. Un système constructif de préfixes et de suffixes permet à tous ceux qui usent l'Esperanto d'être les artisans des formes dans lesquelles ils désirent mouler leur pensée. Cette ressource est infinie, en quelque sorte intarissable. Et pour ce qui est des termes techniques nécessaires à chaque branche de l'activité humaine, sciences, industrie, commerce, arts, métiers, etc., etc., l'Académie de l'Espéranto et le Comité Linguistique s'occupent sans relâche de former, le plus judicieusement possible, les vocabulaires «ad hoc».

Mr. Lanser dit : « Nous attendons et attendrons toujours en vain une œuvre vraiment philosophique ou littéraire écrite en Espéranto». Je ne sais si l'auteur de ces lignes vise les oeuvres originales ou les traductions, mais j'oserais dire qu'il importe peu de les départir,puisque telle traduction qui produit la même impression que l'œuvre dont elle est traduite n'est qu'une preuve de plus de l'adaptabilité de l'Espéranto. Nous avons lu dernièrement quelques pages de Victor Hugo, traduites dans la langue de Zamenhof. Elles étaient tirées de l'œuvre «Quatre-vingt-treize», des pages impressionnantes, la rupture de la chaîne d'un canon à bord d'une corvette, la danse folle et meurtrière du monstre sur le pont du navire. Nous n'avions pas lu l'original. Il se dégageait de ces pages traduites une telle force d'impression une telle puissance d'expression, une telle maîtrise de la langue, n'importe quelle langue, mais une langue qui vit et impressionne et émeut, que je suis restée comme anéantie de respect devant la création de Zamenhof, qui permet de faire de telles traductions. Je pense que Victor Hugo n'aurait pas rougi de la manière dont son œuvre avait été rendue.

Ouvrons un catalogue d'œuvres espérantistes. Au hasard des pages nous y découvrons: Mireille (trois premiers chants), Manon Lescaut, le Dernier Abencérage, Paul et Virginie, la Chanson de Roland (traduction en vers), la Vendetta, Gil Blas de Santillane (épisodes choisis), Oraison Funèbre du Prince de Condé (Bossuet), Trois Morts (Tolstoï), Sois Homme (Ch. Wagner), le Malade Imaginaire, l'Avare, George Dandin, Herman et Dorothée, Iphygénie en Tauride, les Brigands, Hamlet, l'Enéide (Chants I-XII), plusieurs livres de l'Ancien Testament, le Nouveau Testament. Il existe une traduction admirable, en vers, des Bouffons (Michel Zamacoïs). Nous avons de belles traductions de quelques œuvres de Conscience, de Kaatje (Paul Spaak), Bietje (M. Sabbe) et bien d'autres. Nomenclature bien succinte, bien incomplète, mais qui pourtant nous convaincra que plus d'une œuvre philosophique ou littéraire a paru en Espéranto. J'ai lu Hamlet dans cette langue, sans connaître l'original. La traduction, en vers, était l'œuvre de Zamenhof même. Croyez-moi, elle vivait, elle vibrait, autant qu'eût pu le faire l'original.

Quant aux œuvres écrites originellement en Esperanto, si elles sont moins connues, quelques unes n'en sont pas moins de petits chefs-d'œuvre, et cette« élégance de la forme et cette finesse de la

